# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
So Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Franclando.
Luksa eldono, 12 n-roj, 4 fr.

REDAKTADO :
So Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : So EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*


*La numero* **15** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 31 DECEMBRO*

## ESPERANTO EN UNUAGRADAJ LERNEJOJ

Disvastigi esperanton en la popolo estas kapabligi popolon — tre rapide kaj preskaŭ sen elspezo — havi utilajn rilatojn kun tuta civilizita mondo; ĝi estas do meti en ĝia mano ilon de nekalkulebla valoro.

Kiu sin donos al tiu malegoista tasko? Edukistojn de junularo ni alvokas por tio. Ili lernu esperanton por si mem; ili instruu pri esperanto siajn plej grandajn lernantojn.

Kion en tiu ĉi studo edukisto gajnos persone? Unue akiron tre rapidan de lingvo belsona kiel itala fleksebla kiel greka; ĝi malfermos al li pordon de literaturo de dudek nacioj antikvaj aŭ modernaj, krom tiu ĉi profito, instruisto tuj gajnas el esperanto en vidopunkto profesia. Car korespondado kun kolegoj diversnaciaj informos lin pri diierencaj instrumetodoj kaj li elĉerpos el komparo de procedoj ideojn fruktemajn por sia ĉiutaga ofico.

Por lernantoj esperanto estas tuje profita kaj eble tre influos pri ilia vivada vojo. En komenco mem profito estas duobla, ĉar studo de gramatiko kaj sintakso esperantaj igos ilin koni sian patran lingvon pli konscie, pli profunde, pli rezone.

Ia juna esperantisto faras al si men mil demandojn kiuj ne venas al spirito de alia. Esperanto, ekzemple, havas nur unu artikolon : *la* por ĉiuj genroj ; ĝiaj genroj estas logike uzataj : vira genro por viraj uloj, ina genro por inaj uloj, neŭtra genro por aĵoj. Tio estas simple, logika, senescepta. Knabo komparas ambaŭ gramakikojn kaj komprenas la nelogikecon de francaj genroj. Kial *table* (tablo) estas in-genra kaj *arbre* (arbo) vir-genra?

Kion diri pri nekarakterizaj maskoj *si, que, le*, kc., kc., sub kiuj sin kaŝas diversaj personoj intencante erarigi naivan lernanton? Baldaŭ esperanto aperigos al li iliajn naturon, titolojn kaj kvalitojn, trompeme kaŝitajn en franco sub unuforma vizaĝaĵo. Ja, artikolo *le* (la) ne havas en esperanto saman figuron kian persona pronomo *le* (lin). Konjunkcio *que* (ke) ne sin vestas esperante kiel rilata pronomo *que* (kiun, kiujn), kaj kvalita adverbo *que* (kiel) ne metas sin en la robon de ĝia frato kvanta adverbo *que* (kiom) (1). En esperanto oni distingas miaĵon de tiaĵo, oni ne provas preni ŝajnon de aliu. Kiom multe da signifoj, tiom multe da vortoj. Lernanto do devas gramatike analizi francajn vortojn por traduki ilin esperante. Duobla profito : praktika kaj spirita.

Studo de afiksoj liveras similan utilon kaj donas lokon al leksikologiaj ekzercoj plej profitaj.

Sola sufikso *isto*, diras esperanto, montras tiun kiu sin kutime okupas pri io : kuiristo (cuisinier), dentisto (dentiste), instruisto (instituteur), bovinisto (vacher), komercisto (commerçant), kc. Komparado igas lernanton rimarki, eble por unua fojo, la diversecon de francaj sufiksoj same signifaj : *ier, iste, eur, er, ant*. Li eniras pli profunde en spirito de sia patra lingvo kaj samtempe plifortigas siajn kapablojn de observado, meditemo, envidado. Cio en esperanto donas pli plenan konon de franca lingvo, kaj pliperfektigas inteligenton kaj juĝokapablon.

Rilate legadon kaj tradukadon, esperanto ludas en popola lernejo saman rolon kian ludas latino en burĝaj lernejoj. Pli bone eĉ ol latino, ĝi kutimigas pri logikeco kaj precizeco. Esperanto estas demokratia latino.

Al tiu spirita profito, esperanto aldonas praktikan utilon de nacia lingvo, de germana ekzemple. Plie, germana aŭ angla malfermas pordon nur de Germanujo aŭ Anglaj landoj ; esperanto estas ĉiuokaza ŝlosilo kiu permesas ke oni eniru ĉe ĉiujn civilizitajn naciojn.

(1) Franca vorto *que* estas tradukata esperante laŭ la senco per vortoj : ke, kiel, kiom, kiam, ol, kiun, kiujn, kian, kiajn, kion, kc.

Lernantoj povos, se instruistoj volas ĝin, post du monatoj da lernado, korespondadi kun Islandanoj, Japonoj, Rusoj, kc. *Juna Esperantisto* (1), publikigas nomojn de junaj esperantistoj kiuj intencas rilati kun malproksimaj kolegoj. Ili akiros pri lando, moroj, spirito de siaj korespondantoj, ideojn pli precizajn, plenajn je vivo, kapablajn detrui en ili multajn antaŭjuĝojn. Pli malfrue, ili daŭrigos korespondadi, eble ili vojaĝos.

Sed ni ne plie parolu pri vojaĝoj. Internaciaj rilatoj estos ne kontesteble utilaj por profesia perfektigo. Cu laboristo, terkulturisto povas fieri ke li atingis perfektecon de sia arto? Tamen li devas celi ĝin. Pro propra intereso, pro patriotismo, pro amo de homaro, li devas ne lasi venki sin ; li devas esti unua. Li do bezonas koni procedojn de aliuj, interŝanĝi ideojn pri sia metio kun nekonitaj kamaradoj alie kulturitaj.

Instruu ni do esperanton al niaj gelernantoj. Kiu malhelpas nin krei volontan kurson ekster la regulaj instruhoroj? Rezervu ni unue ĝin al plej bonaj lernantoj. Tio estas utila rimedo por eksciti al superemo. Ni konas gimnazion kies lernantinoj vete batalas pri honoro vizitadi kurson esperantan. Internacia korespondado estos ankaŭ proponita kiel rekompenco de lerneja laborado, kaj — vi ĝin vidos — tio estos multefika ekscitilo.

KOLO.

(1) Direktado S-roj Hodler kaj Privat, avenue des Vollandes, Genève, 2 fr. 50 ĉiujare.

## DIVERSAĴOJ

### En Liceoj

Mi havas la plezuron sciigi al vi la naskiĝon de la « *Verda Stelo* » ĉe la *Kolegio de Beaune*. Dudek kvin junaj lernantoj sekvas la kurson de la profesoro BORD kaj pagas ĉiumonate dek centimojn al Kasisto. Tiu grupo enskribas honorajn societanojn elektitajn inter la profesoroj, geparencoj, amikoj k. t. p., kiuj ankaŭ pagas ĉiujare unu frankon Per tiu ĉi mono la *Verda Stelo* tuj faras abonojn al *L'Esperantiste, the british Esperantist, Germana Esperanto, Esperanto* ktp.

Tiuj ĉi du antaŭlastaj jurnaloj samtempe helpas la lernon devigatan de la lingvo Angla kaj de la lingvo germana.

Mi pensis ke tiu sciigo interesos viajn legantojn kaj ke multnombraj kunlernantoj ĉe la aliaj tutmondaj lernejoj imitos sukcese nian ekzemplon.

*La Sekretario de la « Verda Stelo »,*
Edouard PETIT.

### Saint-Malo. — Saint-Servan. — Paramé

« La kunigataj Esperantistoj de la nova grupo Saint-Malo — Saint-Servan — Paramé, antaŭ ol komenci la kunan lernon de la lingvo kelpa internacia Esperanto, adresas al D-ro Zamenhof, kun sentojn fratajn, sian dankeman respektsignon. »

### Al SS. Sekretarioj de Grupoj

Ni tre petas ĉiujn grupojn Esperantistajn francajn informi nin poŝtkarte, *antaŭ la fino de la monato* pri jenaj demandoj.

1o Nomo de l'grupo ; 2o dato de fondo ; 3o nombro de membroj ; 4o adreso de Sekretario ; 5o nombro de kursoj ; 6o ĉu la grupo estas filio de alia Societo.

Bonvolu respondi ĉiuj per aparta *poŝtkarto*. Ni nepre bezonas tiun informon por propagando.

### Originala anonco

Ni legas en *The British Esperantist* :
**Wellington (Somerset).**— S-ro S. E. Band, butikisto, deziras iom babili kun pasantaj Esperantistoj.

### Kunigo de Gazetoj

La du gravaj revuoj anglaj *The Esperantist* kaj *The British Esperantist*, por ĉesigi senutilan konkurencon, kunfandiĝis La nova gazeto estos pli ampleksa kaj havos literaturan aldonon tute en esperanto.

Abonkosto : sen aldono 1 ŝ. 6 p. — Kun literatura aldono 3 ŝilingoj (4 frankoj ; 1 1/2 rublo ; 75 cendoj).

Sin turni al *Esperanto*.

### El Unuigitaj Ŝtatoj

Ni ricevas bonegajn kaj ĝojigajn informojn pri la agado de So Prof. W. Ostwald. Nia fama samideano estis vokita en Unuigitajn Statojn por fari kurson en la Universitato « Harvard » (Cambridge, Mass.) Jam sur la ŝipego, kiu portis lin trans Oceano, li faris al siaj kunveturantoj paroladon pri lingvo internacia kaj Esperanto, kiu naskis grandan impreson kaj intereson inter la aŭskultantoj, kiuj ne eĉ scietis la grandecon kaj seriozecon de nia movado. Tuj post sia alveno en Cambridge kaj la komenco de sia kurso, li faris paroladon antaŭ la tiea fizika Societo, kaj fondis grupon esperantistan da 30 anoj. Poste, li faris paroladon en New York antaŭ la Societo de malnovaj germanaj Studentoj (Verein alter deutscher Studenten), kaj ree sukcesis fondi grupon. Fine, li faris paroladon antaŭ la « American Academy of Arts and Sciences » en Boston (unu el la plej gravaj sciencaj societoj en Ameriko), kaj tuj ricevis la subskribon de 13 membroj al la Petskribo de la Delegitaro por alpreno de L. I. Tiuj sukcesoj estas ju pli mirindaj kaj ŝatindaj, ke ĉiuj niaj samideanoj, kiuj loĝas en Ameriko aŭ vizitis ĝin, prezentas la Amerikanojn kiel la popolo plej malfervora al nia ideo. La sperto montras, ke ĉiuj antaujuĝoj estas venkataj de parolo autoritata kaj konvinkema, de agado forta kaj vigla. Ni esperas ke dum lia duonjara loĝado en Ameriko (kie oni petas ĉiuflanke lin por kursoj kaj paroladoj) Prof. Ostwald ricevos ankoraŭ multajn sukcesojn por nia ideo.

*Komuniko de* Sro L. COUTURAT.

## DANKA LETERO DE ZAMENHOF

*Al la franca Ministro de la Publika Instruado,*

Sinjoro Ministro,

Mi scias ke via influo multe kunhelpis al la honoro kiun faris al mi Sinjoro la Prezidanto de la Respubliko, aligante min al la rangoj de la Honora Legio, kaj mi deziras adresi al vi persone mian dankon por tiu-ĉi multevalora kuraĝigo, kiun la Franca Registaro donis al la afero de la helpa lingvo internacia.

Estis al mi tre agrable, Sinjoro Ministro, vidi tiun aferon tiel bone akceptita en lando, kiu, ĉiam ludis la plej gravan rolon en la homaraj progresoj

Mi estis ankaŭ tre flatita de la favora akcepto, kiun vi faris al mi, tuj post mia alveno en Parizo.

Post la granda sukceso de la internacia kongreso esperantista en Boulogne-sur-Mer, mi permesas al mi esperi, ke Francujo estos la unua kiu enkondukos en la publikajn lernejojn, la instruadon de lingvo, kiu faciligos kaj disvolvos senlime la rilatojn inter ĉiuj popoloj kaj, sekve, certigos la propagandon de la liberalaj ideoj, kun kiuj la nomo de Francujo estas nedisigeble ligita.

Volu akcepti, Sinjoro Ministro, la esprimon de mia dankemeco kaj de mia alta estimo.

L. L. ZAMENHOF.

## Esperantista Organiza Komitato

CIRKULERO DUA

*Organizaj decidoj pri la funciado de la provizoraj Komitatoj.*

Laŭ la deziro de doktoro Zamenhof, ni konatigas al la Esperantistaro, la sekvantajn decidojn, akceptitajn konsente kun li, por faciligi kaj ordigi la preparadon de la laboroj de ambaŭ provizoraj komitatoj, fonditaj de la Kongreso de Boulogne-sur-Mer (Organiza Komitato kaj Lingva Komitato) kaj por rapidigi, tra la Esperantistaro, la sciigojn pri iliaj proponoj aŭ decidoj :

La laboro de ambaŭ komitatoj estos, en ĉiu okazo, preparitaj per la zorgoj de malgranda nombro da komitatanoj, speciale montritaj de doktoro Zamenhof, kaj sub la direkto de unu el ili, elektita kiel unua prezidanto aŭ eĉ kiel efektiva prezidanto kaj kondukanto.

Koncerne la *Lingvan Komitaton*, D-ro Zamenhof mem esploros, konsente kun Rektoro Boirac, la regulojn aranĝotajn por ĝia funkciado, kaj sciigos, kiel eble plej frue, la alprenitan de ili solvon.

Koncerne la Provizoran *Organizan Komitaton*, D-ro Zamenhof deziras, ke la ordinaraj laboroj, rezervante la principajn kaj gravajn decidojn, estu preparitaj nur per la oficiala prezidantaro elektita de la kongreso de Boulogne-sur-Mer por formi la diritan komitaton, tiel estas : D-ro Zamenhof, prezidanto ; S-oj Boirac, Michaux, Mybs, Pollen kaj Sebert, vicprezidantoj ; kaj provizore, per la iniciato de tiu lasta vicprezidanto kiu akceptis kelkatempe tiun taskon.

Sekve, Rektoro Boirac kaj Generalo Sebert povas, laŭ bezone kaj ĉiu siaflanke subskribi la cirkulerojn preparitajn je la nomo de la diritaj komitatoj.

Fine, ni sciigas ke, ankaŭ kun la konsento de D-ro Zamenhof, S-ro Gabriel Chavet, eks-sekretario de la Esperantista Grupo Pariza, estas akceptita kiel Sekretario-Agento, de la *Esperantista Centra Oficejo*, sidanta en Parizo, kaj povos, kun tiu titolo, subskribi la leterojn devenantajn de tiu Oficejo.

*Je la Nomo de la Organiza Komitato*
SEBERT.

* * *

CIRKULERO TRIA

*Detaloj pri la organizo de la* Eperantista Centra Oficejo, *en Parizo.*

I. — Nia unua cirkulero (1), konatigis ke *Esperantista Centra Oficejo* estis fondita en Parizo, kaj uzota de ambaŭ provizoraj, komitatoj, elektitaj de la Kongreso de Boulogne-sur-Mer, por efektivigi la funkciadon de la sekretariejoj de tiuj komitatoj.

Ŝajnas al ni utile ke ni donu hodiaŭ, pri la vera signifo kaj la organizado de tiu Oficejo, kelkajn detalojn kiuj povas esti interesaj por ĉiuj esperantistoj.

La *Esperantista Centra Oficejo* esti fondata, kun la celo helpi la propagandon kaj diskonigon de Esperanto, starigante, por la esperantistoj de la tuta mondo, izolataj aŭ grupigitaj laŭ lokoj aŭ specialaj okupoj, la centron de rilatoj kaj informoj kies utilecon montris la Kongreso de Boulogne-sur-Mer.

Por trafi tiun celon, restante tute sendependa de ĉiu ajn grupo esperantista, la *Oficejo* projektas :

1-e. *Doni sciigojn* pri la demandoj kiuj rilatas la subtenadon koj propagandon de Esperanto, al societoj, grupoj aŭ personoj kiuj sin interesas pri tio, kaj faciligi la rilatojn inter ili ;

2-e. *Prepari la studadon* de la demandoj kiuj povus esti enmetataj en la programon de la kongresoj, konferencoj aŭ aliaj kunvenoj, kiuj dezirus uzi la servon de la *Oficejo* ; kaj helpi la komitatojn de tiuj kunvenoj, koncerne la kunvokojn kaj komunikojn ;

3-e. *Helpi kaj partopreni*, se tio konvenas, la efektivigon de la decidoj de tiuj kongresoj, konferencoj ;

4-e. *Klasigi kaj konservi la arĥivojn* de tiuj kunvenoj, ĉiujn dokumentojn kiuj povas esti alkonfidataj al la *Oficejo*, kaj ĉion kio povas interesi la Esperantistan Movadon ;

5-e. *Organizi Bibliotekon* enhavantan ĉiujn verkojn en Esperanto kaj pri Esperanto, kolektante ankaŭ, laŭ la eblo, la artikolojn de gazetoj kaj revuoj, kaj la verkojn rilatajn al demandoj interesaj por Esperantismo ;

6-e. *Kolekti ĉiujn sciigojn statistikajn kaj aliajn*, kiuj koncernas la diskonigon kaj la utiligon de Esperanto ;

7-e. *Starigi kaj plenigi ĉiutage, bibliografion* de la verkoj en Esperanto kaj pri Esperanto ;

II. — Por realigi tiun programon, la *Centra Oficejo* jam kolektis, 51, rue de Clichy, Paris, en sia legoĉambro :

1-e. *Bibliotekon* enhavantan la ĉefajn esperantistajn verkojn elirintajn de la komenco de nia afero, kaj tiujn kiuj koncernas la lingvon internacian ;

2-e. *Kolekton da revuoj kaj gazetoj esperantistaj* kiuj nun eliras, kaj de la ĉefaj malnovaj gazetoj ;

3-e. *Bibliografiajn katalogojn*, pri la esperantistaj verkoj (bibliotekaj verkoj kaj artikoloj de gazetoj kaj revuoj) ordigitajn laŭ la reguloj de bibliografia decimala klasigo ;

4-e. *Specialajn katalogojn*, ĉiutage plenigatajn pri la diversaj sciigoj interesaj por la Esperantistoj :

Adresaron de la Esperantistaj Societoj kaj Grupoj ;

(1) v. *Esperanto*, n-ro 10.

Adresaron de la Esperantistoj kiuj havas rilatojn kun la *Oficejo* ;

Adresaron de la komercistoj kiuj vendas librojn aŭ objektojn pri Esperanto ;

Adresaron de la Esperantista gazetaro ;

Adresaron de la ĉefaj esperantistaj kunvenoj, k. c.

III. La *Centra Oficejo* estas malfermata ĉiujn tagojn (escepte dimanĉojn kaj festajn tagojn) de la 10-a horo ĝis la 12-a h. kaj de la 2-a h. ĝis la 4-a h., por ĉiuj esperantistoj loĝantaj aŭ transirantaj Parizon, kaj eĉ por ĉiuj personoj kiuj deziras informojn pri la lingvo internacia.

Car ĝi deziras resti sendependa je ĉiu speciala grupo aŭ fondajo, kaj intencas, sekve, havi nenian intereson pri ia ajn komerca entrepreno la *Centra Oficejo* ne devos esti uzata kiel pra rimedo, por aferoj kiuj povas okazi monajn riskojn aŭ respondecojn. Sekve, ĝi akceptos, nur kiel servo de propagando senpaga, la provizoran konservon de libroj, prospektoj aŭ aliaj objektoj disdonotaj. Se ĝi ricevos mendojn, aŭ monoferojn, ĝi nur transsendos ilin al la vendantoj aŭ komercistoj kiuj estos montrataj al ĝi por tio, aŭ, se ia montro ne estas farata, al la komisiistoj kaj peristoj kiuj ŝajnos plej taŭgaj en ĉiu okazo ; kaj ĝi ilin rilatigos kun la klientoj.

IV. La *Esperantista Centra Oficejo* restis, ĝis nun, privata fondajo, organizita per la iniciato de kelkaj amikoj de Esperanto, kaj finance subtenata de ili ; sed ĝiaj fondintoj intencas, por certe daŭrigi ĝian ekzistadon, fondi, se estas necese, specialan Societon de Amikoj aŭ Protektantoj de Esperanto, kiu sin okupus pri la direktado de tiu *Oficejo*.

Atendante la momenton kiam ili povos sendi alvokon, por tio, al ĉiuj esperantistoj, la fondintoj de la *Oficejo* treege dezirus koni, de nun, la nomojn de tiuj kiuj, aprobantaj la programon supermontritan, volus helpi tiun entreprenon.

Ili kun granda dankemo, akceptus la aliĝojn sendatajn al ili, de ĉiuj personoj kiuj dezirus partopreni al la fondo de la kreota societo. Tiuj aliĝoj povas esti, de nun, sendataj al la Sekretario de la *Centra Oficejo*.

## Amika Societo de Esperantistaj Edukistoj

La prepara Komitato pri la fondiĝo de Amika Societo inter ĉiuj Esperantistoj, kiuj profesie sin okupas pri instruado kiel estis decidite ĉe la Kongreso de Boulogne-sur-Mer en aparta kunveno okazinta sub la prezido de S^ro Boirac sciigas ĉiujn personojn interesatajn, ke la komunikajoj rilataj al tiu afero devas esti de nun sendataj ĉu al la prezidanto, S^ro MÉRAY, honora profesoro ĉe la Scienca Fakultato, 78, rue Jean-Jacques Rousseau, Dijon, ĉu al la sekretario, S^ro LAMBERT, profesoro ĉe la Literatura Fakultato, 10, rue Berbisey, Dijon.

La komitato jam ricevis nomarojn de instruistoj kaj profesoroj Esperantistaj el multaj departementoj.

Restas tamen tro multe da departementoj (ĉirkaŭ 30) en kiuj la komitato havas nenian korespondanton. En la venonta numero, ni publikigos la rezultatojn de la ĝis nun farita esplorado pri la proksimuma nombro de francaj instruistoj aŭ profesoroj, kiuj sin interesas je Esperanto.

Jen estas la departementoj pri kiuj ni ricevis sciigojn :

Aube, Charente-Inférieure, Côte-d'Or, Deux-Sèvres, Doubs, Haut-Rhin, Indre-et-Loire, Loire-Inférieure, Lot-et-Garonne, Maine-et-Loire, Meurthe-et-Moselle, Nord, Oise, Pas-de-Calais, Pyrénées-Orientales, Hautes-Pyrénées, Haute-Saône, Haute-Savoie, Seine, Tarn-et-Garonne, Yonne.

ONI POVAS AĈETI LA GAZETON

ESPERANTO

**en ĉiuj stacidomoj francaj kaj svisaj**

## « DE »

Oni memoras tiun artikolon de SAMIDEANO en *Lingvo internacia* pri la prepozicio *de*, en kiu estis dirita ke tiu prepozicio tute ne sufiĉas por traduki anglajn prepoziciojn *by* kaj *from*. Oni ankaŭ scias la analizon de tiu temo faritan en lasta nro de *Esperanto* per la ĉefredaktanto de nia gazeto. Kvankam ni devus nun lasi la aferon, ni kredas ke la jenaj leteroj eble interesos niajn legantojn.

* * *

Tre interesa la artikolo de S^o Sehel, kiun mi legis en la lasta numero de Esperanto. Sed ĝi ne konvinkis min. Fakte, la aŭtoro proponas aldoni, al la kutima senco de *pri* kaj de *for*, alian sencon, pli malpli proksiman. sed ne ankoraŭ uzatan. Cu tio taŭgos ? Cu la frazo : « Aprobo de l'raporto pri la financa situacio de la societanoj » estus pli klara, se oni skribus : « Aprobo pri la raporto pri la financa situacio de la societanoj » ? Kial do ne havi du novajn prepoziciojn ? Cu pro ŝparo de vortoj ? Neĝusta kalkulo ; ĉar oni havas tiom da malfacilo por lerni la kvar sencojn de *de*, kiom por ekkoni kvar nesimilajn prepoziciojn. La rolo de la prepozicioj en lingvo estas tre grava, kaj ju pli la senco de ĉiu el ili estos precize fiksita, des pli la lingvo estos klara. Mi opinias, kun samideano, ke oni riĉigus la lingvon, uzante la du prepoziciojn *baj* kaj *from*, ĉiufoje kiam la alpreno de *de* enkondukus en la frazon la plej malgrandan neklarecon.

H. SENTIS.

* * *

« ... Mi korespondis persone kun « Samideano » per la pero de la Redakcio de « Lingvo internacia ».

Tiu Sinjoro — kiu deziras konservi sian anonimecon — skribis al mi, ke li proponus : « Por la senco *by*, la latinan *ab*, kaj por la senco *from*, la italan *da*. »

Sajnas al mi, ke *ab* taŭgus pli bone por la senco *from* ol por la senco *by*. Estas vere, ke, en la latina, ĝi havas sencojn tiel diversajn (same kiel nia esperanta *de*) ke oni povus ĝin preni laŭvole kun unu aŭ alia el tiuj sencoj, sed en germana lingvo, *ab* havas sencon sufiĉe precizan de « deveno », « deiro », kaj sekve, de « punkto aŭ momento de komenco ».

Pri *da*, « Samideano » diras, ke, kun ĝia nuna esperanta senco, ĝi estas tute superflua kaj nur embarasiga. Tio estas disputebla. Kio ajn estu, mi opinias, ke estas neeble doni al *da* alian sencon ol la nunan. Tio estus ŝanĝo, kaj ĉiu ŝanĝo estas malpermesita.

Multe pripensinte la demandon, mi kredas, ke se oni prenus, kiel oni jam proponis, *di* por marki la rilaton de posedato al posedanto — aŭ eĉ, pli ĝenerale, kun la senco de « genitivo », ne estus tre necese enkonduki novan prepozicion por montri deiron, devenon, punkton aŭ momentan de komenco. *De, for, el*, sufiĉas.

Sed, por traduki la anglan *by*, la francan *par*, la germanajn *von, durch*, la latinan « ablativon », vere mankas en Esperanto preciza prepozicio.

Mi proponus, por tiu senco : *bi*.

Oni do dirus : Tiu kampo estas mia, de la domo *di* S^ro A. ĝis la ĝardeno nove aĉetita *bi* S^ro B.

Se la senco de *di* estus plilarĝigita, kaj enhavus tiun de « genitivo », oni dirus : « la lumo *di* la suno ; felo *di* urso ; moroj *di* mezepoko. » — Sajnas al mi ke : « la naskiĝa tago *di* la patrino *di* mia najbaro » restus sufiĉe klara.

..... Eble la Majstro estis prava, alprenante nur tiun solan kaj « elastan » *de*, kaj ni, eble, estas malpravaj, provante plibonigi lian verkon..... »

J.

*(Daŭros)*

POSTULU ! POSTULU ! POSTULU !

**⋆ ESPERANTO ⋆**

**en ĉiuj librejoj kaj jurnalejoj.**

## BIBLIOGRAFIO

TH. CART. — *Esperanto. Notions élémentaires et exercices de conversations.* 2ª kajero.

La laŭdojn, kiujn ni donis al la unua kajero, ni ripetas pri la dua.

La tuta verketo, enhavanta du kajerojn, kostas la gigantan prezon de 25 centimoj !

* * *

Ni ricevis ankaŭ « *Instruado de Esperanto per bildaro.* » Car tio estos tre baldaŭ kompletigita per komentaro kaj demandaro, ni parolos tiam pri la tuto. Jam nun ni rekomendas ege l'Instruadon Esperanto per bildaro, kiun oni povas aĉeti ĉe la Presa Societo (same kiel la Cart'aj *Notions élémentaires*), 33 strato Lacépède, Paris. Kosto 25 centimoj.

## EKZERÇOJ

### LA SONO

Oni nomas korpoj sonaj la korpojn kiuj produktas sonon kiam oni frapas ilin, eĉ neforte.

Kiam, tenante streĉe antaŭ vi kaŭĉukan fadenon, kaj premante ĉian finon inter la dika kaj la montra fingroj, vi tiras ĝin per unu el la fingroj restantaj liberaj kaj forlasas ĝin poste subite, [tiam] vi aŭdas sonon; samtempe vi rimarkas ke la fadeno ŝajnas ŝveli, kaj vi sentas malgrandan tremeton en la fingroj kiuj tenas ĝin. Tio okazas ĉar la kaŭĉuko estas tiam movata ambaŭ[flank]en rapidege ; tial ke tiuj movoj ricevis la nomon [de] vibroj, oni diras ke la kaŭĉuko vibras.

Prenu nun glason kristalan, kiu estas multe pli sona ol ordinara glaso, kaj, post ke vi plenigis ĝin preskaŭ tute per akvo, donu per vergo nedaŭran frapon sur ĝia rando; la glaso sonas kaj vi vidas malgrandajn sulketojn regulajn formiĝi sur l'akvo, ĉe la najbarajo de l'randoj ; ili malaperas en la sama tempo kiam la sono estingiĝas. Ilia produktado montras al ni ke la glaso, kiam oni frapis ĝin, ekvibris (iĝis vibranta), ĉar ĝiaj tremetoj, aŭ plibone ĝiaj vibroj estas tio kio kaŭzis la movadon de l'akvo.

Frapu ankoraŭ unu fojon sur la glaso plena aŭ malplena, kaj dum ĝi sonas, metu la fingron sur ĝian randon ; vi haltigis la vibrojn, la sono estingiĝas tuj.

Ni povus plimultigi tiujn eksperimentojn, sed tiuj, kiujn ni faris, sufiĉas pruvi al vi tion ĉi : kiam korpo sonas, tiu korpo estas en vibrado (estas vibranta) ; konsekvence, kiam tiuj vibroj haltas, la sono tuj ĉesas.

Jus, kiam ni frapis sur la glaso enhavanta akvon, ni vidis ĝin meti en movado la suprajon de l'akvo. Vi do sen malfacilo rigardos kiel veron, sen povi ĝin konstati senpere, ke la aero kiu ĉirkaŭas la glason, iĝas ankaŭ en vibrado (vibranta). Tiuj vibroj de l'aero foriĝas pli kaj pli for la korpo kiu vibras, en la maniero de tiuj ondoj kiuj formiĝas ĉe la trankvila suprajo de akvujo ĉirkaŭ la punkto kien oni jetis ŝtonon en l'akvon ; ili venas (ĝisvenas) al nia orelo kaj tiam ni aŭdas la sonon.

Kiam, sur vojo, ni vidas ĉe ne malgranda malproksimo for ni vojiston rompantan silikojn, ni rimarkas ke lia martelo ŝajnas fali sen bruo sur la amason de ŝtonoj ; nur post unu momento ni aŭdas la bruon de l'frapo. Kial tio ? Tio okazas ĉar la lumo sin movas kun ega rapideco, tiamaniere ke ni vidas la martelon frapi la ŝtonon en la momento mem kiam ĝi frapas reale ; se la sono alvenas al ni nur iom pli malfrue, tio okazas ĉar ĝi transiras la spacon, kiu nin disigas de la vojisto, (*aŭ* la insterspacon de la vojisto ĝis ni) multe pli malrapide ol la lumo.

Se ĉasisto estus lokita ĉirkaŭe je tricent kvardek metroj for ni kaj pafus, ni aŭdus la eksplodbruon unu sekundon post kiam ni vidis la fumon elirantan el la pafilo. La sono transiras do en l'aero tricent kvardek metrojn dum ĉia sekundo (*aŭ* po tricent kvardek metroj sekunde).

Per l'aero la sono alvenas kutime al nia orelo, sed ĝi povas ankaŭ esti transigita de (per) la fluidajoj kaj la firmajoj. Ekzemple, se fiŝistoj silentadas tute kiam ili jetis sian hokfadenon, tio estus ĉar ili tre scias ke la fiŝo rapidas fornaĝi ĉe la plej malgranda bruo ; la sono estas transigita al ĝi per l'akvo. La rapideco de l'sono en l'akvo estas proksimume kvaroble pli granda ol en l'aero.

Metu la orelon ĉe la fino de longa tablo kaj petu ke iu gratetu la lignon ĉe l'alia fino de l'tablo. Vi sentas (aŭdas) la bruon transigitan per la tablo, multe pli klare ol kiam, relevinte la kapon, vi aŭdas ĝin tra l'aero.

Sin kuŝiginte kaj proksimiginte la orelon al la tero, ni aŭdas distinge la iran bruon de veturiloj multe tro malproksimaj por ke ilia bruo ĝisvenas al ni per l'aero.

Ni vidas do ke la sono disvastiĝas multe pli bone en la firmaj korpoj ol en l'aero.

Sed la molaj korpoj, kiuj ne povas iĝi en vibrado (vibrantaj), haltigas la sonon : oni aŭdas tre malbone kiam oni havas kotonan ŝtopilon en la orelo. La tapiŝoj, la kurtenoj de ĉambro malhelpas ke la konversacioj tie okazantaj estas aŭdataj en la najbaraj ĉambroj.

Kiam, estante iom malproksime de kontraŭbaro, de alta muro ekzemple oni eljetas krion, oni aŭdas la sonon de sia voĉo, poste la krion ripetitan : tion oni nomas eĥo.

La klarigo de tiu fakto estas simpla. Kiam ni jetas krion, l'aero vibras ĉirkaŭ ni ; tiuj vibroj sin disvastigas kaj, se ili renkontas kontraŭbaron, ekzemple la muron, pri kiu ni parolis, ili estas resenditaj antaŭ la kontraŭbaro. Ni povas kompari tion kun la movado de l'sulketoj kiuj formiĝas sur l'akvo de trankvila akvujo kiam oni jetas en ĝin ŝtonon : tiuj sulketoj, renkontinte la randojn de l'akvujo, revenas sur si men. La sonoj povas tiel esti reenigitaj denove al la orelo, tiamaniere ke unu sama sono povas esti ripetita kelkajn fojojn eĥe. Precipe en la montaj landoj oni rimarkas tiujn kelkoblajn eĥojn.

ESPERANTO-JURNALO.

## LETERFAKETO

S-ro L. D. *Tuluzo.* — Dankon pri via letero el kiu mi eltiros sciajojn por la venonta numero de Esperanto-jurnalo. — Atendu kelkete por la informoj postulitaj.

S-ro S. N. *Londono.* — Kelkaj el la diritaj mankoj estas bedaŭrindaj kaj ni pensos pri ili en venonta eldono. Por la aliaj, relegu la antaŭparolon. Ne forgesu ke tiu unua laboro estas nur pruvo, kaj ke ni petegas la efikan helpon de legantoj por ĝin plenigi kaj precizigi. — Dankon.



## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono; intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUARLEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 4 fk., poŝto plie.

## AVIZO AL ABONANTOJ

Se oni ne esprimas malan deziron, ni komencigas la novajn abonojn de unu el la lastaj numeroj. De kelkaj restas al ni nur tre malmulte da ekzemplerojn. Ni povas ilin liveri je la jenaj prezoj :

N-roj 1, 2, 6 et 7 ĉiu 0.30

N-roj 3, 8, 9 et 10 ĉiu 0.20

La 12 unuaj n-roj, afrankite 2 fr.

PREMIÈRE ANNÉE. — N° 14. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 17 DÉCEMBRE 1905.



# ESPERANTO



JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.



*Le numéro* **15** *de* **Esperanto** *paraîtra* *DIMANCHE 31 DÉCEMBRE*

## L'ESPERANTO
### doit-il nécessairement se disloquer en dialectes ?

« Une langue, dit-on souvent, ne peut rester une ; il faut, de par les lois inévitables de la nature, qu'elle se disloque en dialectes qui vont divergeant de plus en plus chaque jour et aboutissent à des langues nouvelles, différentes entre elles commes elles diffèrent de leur langue mère commune. La scission en dialectes est l'écueil où sombrera tôt ou tard n'importe quelle langue internationale. C'est donc duperie que de prôner ce qui est incapable d'une vie durable. »

Voilà l'esperanto condamné au nom de la science. Par bonheur, nous pouvons toujours en appeler de la science à la science mieux informée, car elle ne s'est jamais posée comme infaillible.

La sentence rapportée ci-dessus repose sur certaines théories scientifiques. On aurait le droit d'alléguer, pour la défense de l'esperanto et des langues internationales, quelles qu'elles soient, que ces théories ne sont pas admises par tous les linguistes ; on pourrait par conséquent les discuter dans leur détail et en démontrer, sinon l'erreur, du moins l'incertitude et l'étroitesse systématique, qui vicient tout jugement prononcé en leur nom.

Mais pour cela il faudrait entasser raisonnements sur raisonnements, entrer dans des détails techniques d'aspect très rébarbatifs qui feraient fuir les profanes. Et ceux ci ayant fermé leurs oreilles à l'apologie, ne se souviendraient plus que de la condamnation prononcée par le tribunal de première instance.

Examinons donc la question sous un autre angle. Toute théorie scientifique n'est qu'une hypothèse expliquant des faits connus. Si tous les faits trouvent leur explication raisonnable dans la théorie, l'hypothèse est reconnue exacte, si au contraire un seul fait ne peut s'y plier, on doit conclure que l'hypothèse pèche dans sa base, et qu'elle doit céder la place à une autre.

Voyons les faits qui ont donné naissance à la théorie qui est ici en cause.

Dès qu'une langue s'est répandue sur un vaste territoire, elle doit se diviser en dialectes, car il en a toujours été ainsi. Par exemple, un temps fut où la Grèce primitive parlait une langue à peu près une ; or les inscriptions grecques, mieux encore que la littérature, nous montrent à l'époque historique le pays grec partagé en autant de dialectes qu'il y avait de cités ; Delphes parlait un autre grec que Platées, qui n'en était distante que de quelques kilomètres.

Le fait le plus caractéristique nous est fourni par le latin. Les romanistes assurent, preuves en main, que c'est, à très peu de chose près, le même latin populaire qui fut porté par le légionnaire, le marchand et l'administrateur romains, de l'embouchure du Tage à celle du Danube. Et que voyons-nous ? Ce latin, originairement unique, s'est subdivisé en des langues très différentes : portugais, espagnol, langue d'oc et catalan, français et wallon, italien et sarde, romanche et ladin, roumain, sans compter maintes et maintes subdivisions.

L'anglais couvre actuellement une grande partie du monde ; mais son extension même détruira son empire : on constate déjà de notables différences de prononciation et de vocabulaire entre l'anglais d'Amérique et celui d'Europe et celui d'Australie ; des puristes anglais en veulent, dit-on, au grand poète Rudyard Kipling, qui, né à Bombay dans l'Inde, a infusé dans la langue anglaise beaucoup d'indianismes. L'anglais est en voie de scission. Et on nous prédit que dans un siècle il sera morcelé en différentes langues presque aussi diverses que le sont entre elles les langues romanes.

Ne nous arrêtons pas au sort qui attend la langue anglaise : une prédiction n'est que l'application au futur de ce qu'on a vu dans le passé.

Sans doute le grec et le latin se sont scindés. Mais la politique n'en est-elle pas la cause essentielle ? Il y eut autant de dialectes grecs que de cités, mais parce que ces cités étaient indépendantes et jalouses l'une de l'autre. Le latin a produit les diverses langues romanes, mais à une époque où l'empire romain écroulé avait été remplacé par un grand nombre de petits états, plus ou moins barbares, qui cessèrent de vivre d'une vie politique commune et qui marchèrent dès le début à des destinées politiques divergentes.

Que des populations séparées l'une de l'autre par les aspirations d'une politique étroitement nationale aient vu leur langage céder aux tendances qui les entraînaient dans des directions opposées, rien de plus naturel.

Mais si la politique les avait toujours unies, leur langage serait resté un, autant que possible. Les inscriptions grecques nous apprennent ainsi que les diverses alliances des cités grecques ont produit tout aussitôt des langues communes officiellement employées par les peuples alliés. Quand, à l'époque de l'empire macédonien, la Grèce eut conscience de son unité d'origine et de civilisation, elle se forgea une langue grecque *commune* (c'est son nom) qui s'implanta si bien dans tous les pays helléniques et hellénisés, qu'elle détruisit jusqu'au dernier germe les anciens dialectes.

Plus tard, la domination turque anéantit de nouveau l'unité hellénique, et bientôt les dialectes renaquirent sous une autre forme. Effet de la politique. Aujourd'hui la Grèce constitue un État unique. Et nous la voyons chercher à se redonner pour la troisième fois au moins une langue commune.

L'influence de la politique dans les questions linguistiques peut-elle être mise plus nettement en lumière ?

La France a été couverte de dialectes ; mais le triomphe de la royauté capétienne et bourbonne a imposé par tout le pays le langage des bords de la moyenne Seine et de la moyenne Loire. Aujourd'hui l'unité politique de la France a tué les dialectes et réduit la langue d'oc à des patois.

L'allemand littéraire, d'origine en partie conventionnelle, j'allais dire artificielle, est maintenant répandu, grâce à la politique, sur toutes les régions de langue allemande.

On pourrait en dire autant de l'italien, de l'espagnol, de l'anglais, du chinois mandarin lui-même, compris et parlé dans l'universalité de la Chine, et de beaucoup d'autres langues.

Que veut dire dans le cas présent unité politique, sinon unité de pensées, d'aspirations et de vie ? Tant que l'esprit anglais subsistera d'Edimbourg à Melbourne, de Ceylan à la Colombie, tant que les habitants de ces pays maintiendront leur unité intellectuelle, la langue anglaise ne court aucun risque de scission.

Or, l'esperanto est la langue des personnes qui veulent être et rester en communion intellectuelle, qui veulent se parler et se comprendre, qui sont unies par les liens d'une sorte de politique de civilisation. Donc l'esperanto restera toujours un et ne se disloquera pas en dialectes.

Il a même pour lui un très gros avantage. Les Américains du Texas se servent de l'anglais pour leur vie journalière, tout aussi bien que les mineurs du Northumberland ; la vie de tous les jours étant fort différente dans ces deux régions, il est tout naturel que les linguistes découvrent des divergences entre leurs parlers. Et pourtant, mettez en présence deux habitants de ces deux pays, ils trouveront le moyen de s'entendre parfaitement, car au-dessus des particularités locales plane une langue anglaise commune que l'un et l'autre parlent sans difficulté.

Mais l'esperanto n'est pas une langue de tous les jours ; il n'aura donc pas à compter avec les « provincialismes », et son avenir, en tant que langue unique internationale, est indubitablement assuré.

CH. LAMBERT.

## POIGNÉE DE NOUVELLES

La lettre de remerciments adressée au Ministre de l'Instruction publique par le Docteur Zamenhof, officier de la Légion d'honneur, a commencé à faire le tour de la presse française. Beaucoup de journaux en ont reproduit les premières lignes, quand ils ne la donnaient pas tout entière.

Et plus d'un ont conclu dans le même sens que *La Liberté* qui s'écrie :

« C'est étonnant combien l'esperanto est aisé à comprendre. »

* * *

**Reims.** — Un nouveau groupe vient de se former dans cette vieille ville espérantiste d'où sont sortis tant d'ardents propagateurs de notre cause.

Siège social : Place Amélie-Doublié, 12.

Président d'honneur : M. le Dr POZZI, maire de la ville de Reims.

Président actif : M. F. MOROT, 2 rue Ponsardin.

Secrétaire : Mme GÉRARD, 2, rue Ponsardin.

Trésorier : M. BRÉDUILLICARD, 40, avenue de Laon.

Bibliothécaire : M. GROUSELLE, 35, rue des Consuls.

Membres conseillers : Mlle TOUBART, professeur au lycée de jeunes filles, 35, rue Pierret ; M. MARGUIN, 6 et 8, rue de la Grue.

Cotisations : membres actifs, 5 fr. 50 par an ; membres associés, 2 fr. par an.

Le C. E R. fait un cours d'Esperanto le vendredi de chaque semaine, à l'école communale, 5, rue Ponsardin. Professeur, M. MOROT.

Le journal *Esperanto* est en vente à Reims, chez M. CHAUVILLON, successeur de M. Gontier, place Royale.

* * *

Nouveau groupe à Saint-Servan :

« Un certain nombre d'espérantistes de la région se sont réunis jeudi, 16 novembre, au collège de Saint-Servan.

Après avoir nommé un bureau provisoire, ils ont décidé :

1° De former un groupe qui prendra le nom de Groupe espérantiste de Saint-Malo — Saint-Servan — Paramé.

D'installer immédiatement des cours d'esperanto.

Ces cours ont lieu à partir du 21 novembre, le mardi et le samedi de 5 h. 1/2 à 6 h. 1/2 du soir, dans une des salles du collège de Saint-Servan.

Une réunion générale aura lieu le jeudi 11 janvier 1906, au collège de Saint-Servan, pour l'élection du bureau définitif.

Les personnes qui désireraient adhérer au groupe et prendre connaissance des statuts sont priées de s'adresser à M. Robineau, professeur au collège de Saint-Servan, ou à M. Bouillon fils, secrétaire, bureau de l'Enregistrement, rue Constantine, à Saint-Servan. »

* * *

« Mardi 22 novembre, à 8 heures, une réunion en vue de la formation d'un Groupe espérantiste à Aix-les-Bains, a eu lieu dans une des salles de la Mairie.

Malgré le mauvais temps, un assez grand nombre de personnes des deux sexes y assistaient.

M. le Dr Coze qui a pris l'initiative de la formation du groupe à Aix, a expliqué, en quelques mots, le but de ce nouveau groupe se rattachant à la Société française pour la propagation de la langue internationale neutre *Esperanto*.

En effet, cette langue aurait de réels avantages pour notre belle station si fréquentée par la Colonie étrangère.

Le groupe comporte déjà un joli nombre d'adhérents inscrits. Une prochaine réunion doit avoir lieu.

Les adhésions sont reçues tous les jours chez M. le Dr Coze, 6, rue du Temple. »

* * *

Un nouveau groupe est en formation à Cherbourg, sous le titre de Groupe espérantiste de la Manche.

Promoteur M. Delahaye, 30, rue de la Cayenne, à Cherbourg.

* * *

**Conférence.** — Le jeudi 16 novembre, à Marseille :

« C'est devant cent vingt auditeurs environ, que le docteur Rapine a inauguré, jeudi, le cours d'esperanto à la Bourse du Travail. Dans une causerie très applaudie, le docteur Rapine a expliqué à l'auditoire les multiples avantages que la classe ouvrière pouvait retirer de la connaissance de cette langue universelle.

Le docteur Rapine a démontré, par de nombreux exemples, la grande facilité de compréhension, le nombre réduit des règles grammaticales qui la rend accessible à toutes les classes de la société, quel que soit le degré d'instruction.

Vu le nombre très important des inscriptions, le prochain cours aura lieu le jeudi 23 du courant, à 9 heures du soir, dans la grande salle de la Bourse du Travail, qui sera aménagée pour la circonstance.

Les inscriptions sont reçues au secrétariat général, bureau numéro 16. »

* * *

Le jeudi 16 novembre, à Lyon :

« Le Cercle populaire de la Guillotière a inauguré, dans son nouveau local, rue Paul-Bert, 18, la série des conférences du jeudi soir. Jeudi 16, les familles appartenant au Cercle se réunissaient pour entendre Mme Primard-Michel, institutrice, parler de l'Esperanto.

Un cours d'esperanto sera fait au Cercle le mardi soir, à 8 heures 1/2 précises. Première leçon, le mardi 28 novembre. »

* * *

A Lyon encore, le dimanche 19 novembre :

« Dimanche dernier, l'Union amicale des anciens élèves des écoles laïques du 1er arrondissement conviait ses membres et amis à une conférence sur la langue internationale auxiliaire Esperanto, conférence faite par M. G. Pouchot, professeur à l'école la Martinière, secrétaire de l'Amicale espérantiste.

Dans l'auditoire, évalué à plus de 200 personnes, on remarquait, outre les membres du bureau de l'Union amicale, MM. Servet, président de l'Amicale espérantiste ; Drudin, vice-président ; Avril, trésorier ; de Laurier, etc....

En résumé, excellente journée pour la cause espérantiste, en même temps que pour l'Union amicale.

* * *

Le dimanche 19 novembre, à Clermont-Ferrand :

« La conférence de M. Carlo Bourlet, professeur de mathématiques au lycée Saint-Louis et à l'école des Beaux-Arts, président du Groupe espérantiste de Paris, avait attiré beaucoup de monde dans la grande salle des Fêtes de l'Hôtel de Ville. Malgré le mauvais temps, de nombreuses dames assistaient à cette intéressante séance, où l'habile conférencier a su, pendant près de deux heures, donner à un sujet, un peu aride à première vue, tout l'attrait d'une parole humoristique, expressive, claire et parfois éloquente. Aussi les applaudissements n'ont pas fait défaut, prouvant tout l'intérêt et la sympathie de la salle entière pour les anecdotes, les démonstrations simples et nettes, les boutades mêmes de l'orateur. »

* * *

Au Mans, M. Flogny, professeur au Lycée, a fait le samedi 25 novembre une conférence, devant salle comble, malgré un temps affreux.

L'Université Populaire de cette ville a organisé, à partir du mardi suivant, un cours d'esperanto professé par M. Flogny, à la Bourse du Travail.

* * *

